## Redaktora babilo

Laŝtan fojon ĉijare vi havas eblecon legi mian babilon. Jam la 62an, do vi komprenas, kial vi eble trovas ĝin iom teda. Prefere tuj iru al la cetera enhavo, per kiu vi konatiĝos kun kelkaj informoj pri la venonta IFK, pri la sukceso de Esperanto ĉe FISAIC (ni agu saĝe, ke ĝi daŭru), pri Rumanio, kiu estas survoje al dezirata malfermiteco, pri gravaj sciigoj rilate al la faka laboro de IFEF, kaj - ne malpli grave - pri la resumo de jarraportoj de la landaj asocioj pri 1991. La resumo estas ampleksa, prave, sed ĝi enhavas pripensindajn vortojn por ĉiu serioze pensanta IFEF-ano.

Baldaŭ venos la vintra solstico, kaj per ĝi la festeno, kiun la antikvaj nordianoj nomis julo kaj la kristanoj kristnasko. Tuj post tio la gregoria kalendaro anoncos novan jaron.

La deziro de la IFEF-estraro estu, ke ĉiu el vi pasigu belajn festotagojn en materie kontentiga stato, kaj ke la nova jaro alportu bonon kaj se eble feliĉon. Samtempe estu dankataj ĉiuj, kiuj faciligis la laboron de aliaj, inkluzive de la estraro.

Red.

## Adopta Fonduso de IFEF

Daŭre la kasisto akceptas kontribuaĵojn por la Adopta Fonduso, kies celo estas ebligi altigon de la membronombro en landoj, kies aktuala ekonomia situacio ne permesas kutiman aŭ sufiĉan pagon.

Depost la apero de IF 5 venis kontribuoj el jenaj landoj: Danio (192,60 DKK), Germanio (100,00 DKK) kaj Nederlando (340,00 DKK) tiel ke la aktuala stato estas 7.812,28 DKK, kiu estas bona ĝisplua rezulto, sed ne pensu, ke en baldaŭa estonto la situacio pliboniĝos.
Kontribuaĵoj do daŭre estas tre bonvenaj.

## Estrarkunvenoj de IFEF

Dum la tagoj 22a-23a de oktobro la IFEF-estraro kunvenis en Bologna (I). En la kunvenejo de IFEA ni havis taŭgan laborejon por la traktoj. Daŭre alfrontas nin obstakloj, pri kies solvo la estraro eble povos doni konsilojn aŭ rekomendojn, sed ĉiam ja la membroj kaj la landaj asocioj devas efektivigi la laborojn.

La estraranoj havis okazon viziti la kongresurbon Cervia kaj povas plenkore rekomendi aliĝon kaj partoprenon.

Akceptis nin FS-direktoro inĝ Gianpiero MONFARDINI. Same faris prezidanto de DLF-Bologna, d-ro Giuseppe CAPUTO kaj la konsilanto por kulturo de DLF-Bologno, d-ro Rocco FRANCHINO; dum la prezidanto de DLF-Ravenna, s-ro Nerio Dante SAVINI abunde regalis nin.

Ĉio aŭguras bonsukceson de la 45a IFK.

Red.

## Enhavo:

Frontpaĝo: Ĝenerala Direktoro de SNCFR Braŝov, s-ro LEANCU VIRGIL, alparolas la rumanan jarkunvenon.




## 45a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)

6a-12a de junio 1993 en CERVIA, Italio

Adreso: 45a IFEF-kongreso,
Via de' Poeti 5/2, I-40124 Bologna

Poŝtkonto: 19336403, IFEA,
Via de' Poeti 5/2, I-40124 Bologna

Bankkonto: 31308, IFEA ĉe BNC, Bologna - Stazione Centrale

| Kongreskotizoj en italaj liroj (ITL) | ĝis 15.2.93 | ekde 16.2.93 |
|---|---|---|
| Kongresano IFEF-membro | 72.000 | 90.000 |
| Familiano aŭ junul(in)o ĝis 25jara | 36.000 | 45.000 |
| Kongresano ne-IFEF-membro | 98.000 | 120.000 |
| Simpatianto - minimume (ne partoprenos, ricevos kongresmaterialon) | 20.000 | 20.000 |

Krome oni devas antaŭpagi:

| | | |
|---|---|---|
| Ĉambroperadon | | 5.000 |
| Antaŭpagon por ĉambromendo | | |
| - hotelo kun pensiono | dekalkulata surloke | 100.000 |
| - nur tranoktejo | " " | 50.000 |

Oni rajtas pagi antaŭ ol alveni:

| | |
|---|---|
| Kongresmarkojn, je folio | 4.000 |
| Ekskurson A = duontaga | 30.000 |
| Ekskurson B = tuttaga | 60.000 |
| Ekskurson C = duontaga | 25.000 |

Cetere legu - aŭ relegu - la informojn en IF 1992.5 sur paĝoj 67-68, ankaŭ pri la postkongreso, kiu ofertas restadon en la sama loko kiel dum la kongreso, kaj kun interesaj ekskursoj.

Kelkaj vidindaĵoj en Cervia estas:

1. **Urbodomo**, konstruita komence de la 18a jarcento, post la konstruo de la ĉirkaŭanta ekstera zono formita de la domoj por la salfaristoj.
2. **Katedralo**, kies konstruado komenciĝis la 18an de junio 1699. Baroka altaro, pentraĵoj kaj lignotabulo de Madono de Neĝo.
3. **Preĝejo de 'Sufrago'** de la jaro 1722, konstruita de la Fratrio de la Sanktega Sakramento. Ligna krucifikso de 14a jc kaj valora orgeno.
4. **Preĝejo de S.Antonio el Padova** kun pentraĵoj el pluraj jarcentoj.
5. **Salmagazeno 'Torre'** = NIA KONGRESEJO. Konstruita 1691 de grafo Michelangelo Maffei. Kapacito ĉ 130.000 kvintaloj da salo (1 kvintalo = 100 kg). Reprezentas ŝatindan ekzemplon de industria arkeologiaĵo. Antaŭ nelonge restaŭrigita por gastigi kulturajn manifestaciojn.
6. **Salmagazeno 'Darsena'**, iom pli malfrua kun kapacito de ĉ 100.000 kvintaloj. Antaŭ ĝi situas doko, iam utiligita por la albordiĝo de 'Burchielli', tipaj barkoj por saltransporto.

7. Turo 'S.Michele', konstruita 1691 por defendi la havenon kaj la salmagazenon 'Torre' kontraŭ pirataj atakoj. Nun sidejo de komunuma biblioteko.

Cervia estas ankaŭ internacie famkonata banloko kun 13km-a varma strando ĉe lazura maro, kaj rimarku, ke la kongreso okazos nur komence de junio, 2 semajnojn post la fervoja horarŝanĝo, do, la tradicia plilaboro kaj tumulteto jam stabiliĝis. For la hezito, aliĝu! ■




# Survoje hejmen de la FISAIC ĝenerala kunveno

en Millau (F) 1.-5. oktobro 1992




La ĉijara ĝenerala kunveno en FISAIC estis speciala, ĉar ĝi samtempe festis la 40jaran jubileon de la federacio. La francoj, kiuj estis la aranĝantoj bone atentis la jubileon, tiel ke ĝi por la plimulto de la partoprenintoj donis neforgeseblajn belajn tagojn, kvankam la vetero ne estis tro favora. La kunveno estis speciala ankaŭ laŭ alia vidpunkto, ĉar neniam antaŭe partoprenis tiom da esperantistoj (17-18), kaj neniam antaŭe Esperanto estas uzita tiom multe dum kunveno en FISAIC. La francaj esperantistoj vere strebis por efike traduki ĉiujn paperojn antaŭe kaj ili ankaŭ dum la kunveno multe tradukis la paroladojn. Krome Joachim Giessner helpis per tradukoj de kaj al la germana lingvo.

La diversaj punktoj de la tagordo estis traktitaj en 3 lingvoj, kaj tio ja estis la fino de la provperiodo por Esperanto, sed tamen ne estis debato pri tio. Ĉiuj konsideras kiel tute nature, ke ĝi nun efikas, kaj laŭ mia opinio oni neniam plu diskutos la efikon de Esperanto, tiom longe ke kelkaj uzas ĝin en praktiko.

La ĝenerala kunveno akceptis kiel novajn landajn asociojn Rumanion kaj Kroation, kaj krome antaŭvidas akcepton de ankoraŭ novaj landoj, sed en tiu proceduro oni sekvas la linion, kiun uzas UIC.

Okazis elektoj, kiuj plejparte estis reelektoj. La plej grava reelekto - almenaŭ laŭ esperanto-vidpunkto - estis tiu de la ĝenerala sekretario, s-ro Truel, kiu diris, ke li ĉesos sian funkcion la 31.12. 1993. Estis li kiu vere debatis por enkonduki Esperanton en FISAIC, kaj estas li - kun siaj kunlaborantoj - kiu laboregis por tio. Post lia transpreno de la sekretariejo la dokumentoj venas tre rapide, kaj ĉijare la francoj

vere superis sin mem, ĉar la antaŭlastan vesperon ĉiuj partoprenantoj ricevis la protokolon en tri lingvoj.

Nun mi povas timi, ke post la ĉeso de s-ro Truel la aferoj ne same glate funkcios. Espereble oni trovos en Francio novan kandidaton por la ofico de ĝenerala sekretario, tiel ke la sekretariejo povas resti en Paris, ĉar neniu alia lando havas la necesajn fortojn por transpreni tiun oficon, kaj mi dubas ankaŭ ke en aliaj landoj estas sufiĉe da esperantistoj, kiuj pretas labori sub la kondiĉoj, kiujn akceptis niaj francaj kolegoj.

Estas la francaj fervojistaj esperantistoj, kiuj per sia grandega kaj ofte streĉa laboro certigis la sukceson de Esperanto kiel laborlingvo en FISAIC.

H.Hauge

## FISAIC: Kvardek jaroj

Kajero 16paĝa, formato A4, bele presita sur luksa papero, frontpaĝa maldekstra randaĵo blua. En la tri lingvoj de FISAIC: la franca, la germana kaj Esperanto.

La kajero mallonge priskribas la estiĝon kaj evoluon de FISAIC, la Internacia Fervojista Federacio por Kulturo kaj Libertempo.

La teksto komenciĝas: "1952 - Eŭropo pene restariĝas el siaj ruinoj. La eŭropaj loĝantoj amkoraŭ bandaĝas siajn vundojn; ili provas revivigi sian nacian agemon kaj forgesi la militon kaj ĝiajn terurajojn."

Pli-malpli telegramstile la kajero kondukas nin tra la 40 jaroj kaj finiĝas jene: "Kaj precipe, kvardek jarojn poste, ŝvebas pli ol iam, super la artistoj fervojistaj de Eŭropo, amikeco kaj toleremo, nepre necesaj al interkonsento de popoloj. Nun FISAIC rigardas al Rumanio, Rusio kaj aliaj orientaj respublikoj." (Kaj ĝuste en la jubilejara ĝenerala asembleo parto de tiu revo efektiviĝis per la akcepto de Rumanio kaj Kroatio kiel 22a kaj 23a landaj asocioj!)

Kvankam oni kelkloke sentas, ke niaj francaj kolegoj-esperantistoj laboris sub severa tempopremo, la Esperanto-versio estas egale bona al la




alilingvaj, pro kiu gratulindas la sindonemuloj. Oni rimarkas, ke plej konciza rilate al spacopostulo estas Esperanto, la plej "postulema" estas la germana lingvo. Unu el la ilustraĵoj montras la Esperanto-postmarkon je 20 groŝoj, kiun emisiis Aŭstrio en 1949.

Konklude: Fierinda atingaĵo de IFEF! ■

# Rumanio survoje ...

Impresoj de partopreno en Jarkunveno de Rumana Fervojista Esperanto-Asocio, Braŝov, 12a-14a de septembro 1992.

Honora Prezidanto de IFEF, sekretario kaj redaktoro de IFEF kaj reprezentantoj de pluraj landaj asocioj de IFEF travivis mirindajn septembrajn sunbrilajn tagojn en Braŝov kaj aliloke en Transsilvanio.

Abunda regalo, korvarma akcepto kaj gastamo, faka scivolo, granda deziro lerni Esperanton por havi kontaktojn kun eksterlando, fiero pri siaj vidindaĵoj kaj kulturo - jen kelkaj epitetoj, taŭgaj por klarigi la impreson, kiun oni ekhavis dum la aranĝo.

Tre grava afero estas, ke niaj rumanaj kolegoj sukcesis interesigi tre altrangajn fervojistojn pri la utilo de Esperanto, kaj nia nobla devo nun estas pruvi, ke ili pravas. Do, ke oni 'sur la monto' ne seniluziiĝos.

Sur la kajo de la moderna, belaspekta stacidomo Braŝov akceptis nin ne nur la prezidanto de RFEA, inĝ STEFAN Mihai, sed ankaŭ la braŝova ĝenerala direktoro s-ro LEANCU VIRGIL Ion, la staciestro kaj pluraj direktoroj, kies nomojn kaj oficojn mi bedaŭrinde ne sukcesis enkapigi.

SNCFR, la rumanaj ŝtatfervojoj, estas tuj sub la transportministro gvidata de prezidanto kaj dividita en 8 regionoj, ĉiu kun sia ĝenerala direktoro. Eĉ la ĝenerala direktoro Leancu de Braŝov estas honora prezidanto de RFEA kaj partoprenis la tutan jarkunvenon (vidu la frontpaĝan foton de ĉi tiu IF).

Sabaton antaŭtagmeze okazis la jarkunveno, kiu montris, ke la fervojistoj-esperantistoj - same kiel en pluraj aliaj landoj - havas firman organizaĵon, kiu certagrade povas gvidi la Esperanto-evoluon, do ke RFEA estas memstara asocio kiel en la okcidenteŭropaj landoj, kaj ne sekcio de Rumana Esperanto-Asocio. Por ilustri la gravecon de la jarkunveno menciindas, ke oni traktis aliĝon de Rumanio al FISAIC (kio fakte okazis komence de oktobro en Millau!)

Posttagmeze oni aŭtobuse ekskursis al la famkonata - precipe vintra - turistripozejo Poiana Braŝov, kien la rumanoj invitas la skisemajnon de 1994. Se tio efektiviĝos, la partoprenontoj povas antaŭĝoji je belaj panoramoj kaj la alpinistoj je brilaj eblecoj.

La Nigra Preĝejo en Braŝov estis kadro de bela orgenkoncerto, kaj la vespero alportis festenon kun muziko, danco, amuziĝo, trinkado kaj amason de kontaktoj tiel ke apenaŭ eblos plenumi ĉiujn promesojn, facilanime faritaj en gaja etoso!

Dimanĉo portis nin aŭtobuse al Sinaia, kies ekflorado ŝuldiĝas al la fervojo, konstruita 1878, kaj ĉar la reĝo Karolo la konstruigis sian somerpalacon Peleŝ 1875-83. Tiun palacon ni vizitis, ne ĉiujn 160 ĉambrojn, sed sufiĉe multajn por vidi la imponan lukson de tiu tempo kaj de tiu socitavolo.

La urbestro de la proksimsituanta urbo Predeal - ankaŭ fama sporta kaj ripoza loko - akceptis la eksterlandajn reprezentantojn, kaj li esprimis fortan deziron pri kontaktoj kun aliaj urboj.

La programo lakone mencias: Tagmanĝo en Predeal! Se estus esprimite 'tuttaga manĝo', ni estus pli proksima al la vero, ĉar ĝi daŭris 6 horojn!

Lundon matene la aŭtobuso kondukis

nin al urbo Sibiu, kie ni enloĝiĝis en tute nova feriodomo, kaj la lokaj esperantistoj gvidis nin tra subĉiela muzeo kaj organizis liberaeran, subarban vesperan festmanĝon kun agrabla kunesto, babilado, historirakontado ktp. Sed kulmino de la tago tamen estis prezentado de folkloraj muziko, danco kaj kanto fare de 5kapa orkestro kaj 48pieda dancantaro. La slave/turke inspiritaj balkanaj ritmoj kaj movoj impresis min profunde, kaj imponis nin ĉiujn, ke la sibiuanoj sukcesis aranĝi la spektaklon ĝuste en tiu tago, kiu estis grava religia festotago.

Finiĝis la tagoj en Rumanio. Ne ĉion



mi povis raporti. Ni eksterlandaj gastoj dankas pro belegaj travivaĵoj kaj bondeziras por la estonto.

olsen, red

# Sciigo de FA-komisiono

Fake aplika komisiono de IFEF travivas nun gravan parton de sia ekzistado. Post revigligo de ĝia laboro, pri kiu meritas ĝia gvidanto d-ro Petr Chrdle nun venis sciigo, ke li kaŭze de sia laborplenigo rezignas je sia funkcio. Por la laboro de la komisiono mem kaj por la tuta esperanta-fervojista movado ĝi estas grava domaĝo. Tamen mi volas sincere danki al nia kara Petro por lia kuraĝiga kaj sukcescelanta laboro en la komisiono, kiun mi ege estimas. Por lia plua laboro mi deziras al li multe da bonaj rezultoj kaj kontenteco.

Al niaj karaj legantoj mi turniĝas kun sekvanta alvoko. Interesuloj, kiuj volas partopreni laboron en FAK kaj eventuale transpreni la funkcion de gvidanto, bonvolu anonci sian deziron je mia adreso. Plenkunsido de FAK dum la venonta IFEF-kongreso poste elektos la novan gvidanton.

Sekretario de FAK
Ing Kovař Ladislav, Grégrova 44,
CS-560 03 Česká Třebová

## Faka seminario en Prago

1993-03-12/15, okazos en Prago faka seminario "Fakaj aplikoj de Esperanto en (sed ne nur) fervojo", komuna aranĝo de Fake Aplika kaj Terminara Komisionoj de IFEF.
Estas planata kaj faka kaj turisma programoj. Kunlaborantoj kaj gastoj estas invitataj.

Pli da informoj kaj aliĝilon vi ricevos de Petro Chrdle, Anglická 878, CS-25229 Dobřichovice, fakso +42.2.9911041.

## Naskiĝis alia "G.G."

La 20an de septembro 1992 naskiĝis en Gallipoli (provinco Lecie-Suda, Italio): Gabriele Gimelli. La fratoj Guido kaj Giulio (ambaŭ denaskaj IFEF-anoj) anoncas la ĝojigan eventon al la geamikoj de la gepatroj Maresa kaj Ĝianluigi kaj de la geavoj Delvina kaj Germano.

# Resuma jarraporto de la landaj asocioj de IFEF pri la jaro 1991

Tiu ĉi resuma jarraporto ne estas kompleta, ĉar Estonio kaj Rumanio ne sendis ĝin malgraŭ mia perletera urĝigo. Kelkaj landaj asocioj sendis ĝin iom malfrue, post la limdato.

La ricevitaj unuopaj jarraportoj de la landaj asocioj ampleksas inter unu kaj ok paĝoj. La raportoj ĝenerale estis ampleksaj, kelkaj lakonaj, eĉ mankhavaj.

El Svedio alvenis letero anstataŭ jarraporto. Ĝi estas ne nur simple ĉagreniga afero, sed atentiga! Miaopinie ĝi povas esti la "ve-krio" de nia movado, ja, en kelkaj landoj jam horizontas similaj simptomoj. Permesu al mi citi fragmenton el la letero de nia kolego s-ro Erik Bengtsson el Svedio:

> "... La jarkunveno en Karlskoga estis la lasta de SEFA, ĝi ne plu ekzistas (bedaŭrinde)."
>
> La finaj vortoj en la raporto estas: "La lasta estraro de SEFA tutkore dankas por multjaraj bonaj rilatoj kun IFEF kaj ĉiuj landaj asocioj. Ni vere esperas, ke venos nova juna fervojisto, kiu plejeble baldaŭ povas reorganizi la Svedan Esperantistan Fervojistan Asocion... La lastaj membroj en SEFA daŭrigas labori por Esperanto laŭ nia kapablo en lokaj asocioj."

Tiu ĉi fragmento nepre efike atentigu kaj impulsu nin ĉiujn - kaj estraranojn kaj membrojn sen ofico - por direkti nian fortan penadon al la organiza agado!

1. La landaj asocioj
   Laŭ la raportoj ĉiu landa asocio havas estraron, la nombro de estraranoj varias inter tri kaj 10 membroj.

La landaj asocioj nombras 4841 membrojn, ĝi estas 712 membrojn malpli ol dum la antaŭa jaro. La landaj asocioj raportas pri 1939 IFEF-membroj, laŭ la jarraportoj 167 membrojn malpli ol dum la antaŭa jaro.

Mi petas vian permeson por iom da pretera mencio.

El nia periodaĵo Internacia Fervojisto mi kolektis kaj komparis la nombron de la IFEF-membraro ekde la jaro 1981 ĝis la jaro 1991. Tiuj indikoj donas la sekvajn rezultojn:

La nombro de la IFEF-membraro:
1) Kreskis en Italio 34%, Pollando 18% kaj Svislando unu procenton.
2) Stagnas en: Belgio, Britio, Bulgario, Ĉinio (ĝi estas membro de IFEF ekde la jaro 1987), Danio, Estonio (ĝi estas membro de IFEF ekde la jaro 1990), Orienta Germanio (ĝi estas membro de IFEF ekde la jaro 1988), Hungario, Jugoslavio.
3) Malkreskis en: Aŭstrio 47%, Ĉeĥio 23%, Finnlando 11%, Francio 9%. Okcidenta Germanio 30%, Hispanio 34%, Japanio 19%, Nederlando 25% kaj Norvegio 31%, do nete inter la jaroj 1981 kaj 1991 la IFEF-membraro malkreskis per 516 membroj, ĝi egalas 21 procentojn.

El la membraro de IFEF 64 procentoj estas emerituloj, (nombre el la 1939 membroj 1232 estas emerituloj). Tiu ĉi indiko montras dekkvar procentojn pli ol dum la antaŭa jaro. La membro-nombro de la emerituloj varias inter unu procento (Pollando) kaj 90% (Japanio). La nombro de emerituloj

super 50% estas en Aŭstrio (77%), Belgio (75), Britio (80), Danio (60), Finnlando (82), Francio (60), Okcidenta Germanio (84), Hispanio (60), Hungario (74), Japanio (90), Nederlando (80) kaj Norvegio (56%).
Tiuj ĉi indikoj devigas nin profunde enpensiĝi! Ĝenerale mi estas optimisto, tamen grave konsternis min la nudaj indikoj. Se oni kalkulas plu per la spegulo de ciferoj, en la jaro 2000 ni havos 1534 membrojn, inter ili 982 emerituloj, en la jaro 2010 ni havos 1212 membrojn, inter ili 776 emeritulojn. Mi demandas: KIEN KONDUKAS TIU ĈI VOJO? Certe al neniiĝo. Ĉu ni povas permesi tion al ni mem? ---Se ni tenas en ni mem la minimuman respondecon pri la plua ekzisto de nia movado, tiam ni tuj devas fari grandan paŝon kontraŭ tiu simptono!
Mi opinias, ke en miaj enkondukaj vortoj ne senmotive mi uzis la akran esprimon: VE-KRIO.

Post tiu pretera mencio mi retiriĝas strikte al mia raporto.

Laŭ la raportoj en 11 landoj troviĝas 115 lokaj grupoj, naŭ grupoj malpli ol dum la antaŭa jaro. Naŭ landaj asocioj raportis, ke en 268 lokoj troviĝas membroj sen grupoj. Krom tio kvar respondas per la vorto: "multaj", le ceteraj landoj nenion respondis je tiu demando.

2. Landaj organoj
Aŭstrio, Britio, Danio, Francio, Okcidenta Germanio, Orienta Germanio, Hungario, Italio, Japanio, Jugoslavio, Nederlando kaj Svislando havas propran organon, Hispanio raportis pri informilo. Francio kaj Nederlando aperigas ĝin 11-foje, Danio 8-foje, Aŭstrio, Britio, Hispanio kaj Jugoslavio 6-foje, Okcidenta Germanio 5-foje, Hungario, Italio kaj Svisio 4-foje, la ceteraj malpli-foje. Norvegio raportis aperigi tiun ekde 1992. Pro la unuiĝo de la du landaj asocioj en Germanio en Orienta Germanio la propra organo ĉesis aperi. La ceteraj landaj asocioj ne aperigas propran periodaĵon. La totala amplekso de tiuj periodaĵoj nombras 791 paĝojn, 134 paĝojn malpli ol en la antaŭa jaro.
Britio, Danio, Hungario kaj Nederlando aperigas ĝin pure en Esperanto. La ceteraj (Aŭstrio, Francio, Germanio, Hispanio, Italio, Japanio, Jugoslavio kaj Svislando) raportas pri dulingva.

11 landaj asocioj (Belgio, Bulgario, Ĉeĥio, Finnlando, Hispanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Norvegio, Pollando kaj Slovakio) raportas, ke ili havas spacon en aliaj revuoj. Tri landoj raportas pri 40 paĝoj, ok landoj raportas pri porokaza aperigo en aliaj revuoj.

3. Rilatoj kun fervojaj kaj aliaj instancoj
Britio, Finnlando kaj Japanio ne havas rilatojn al fervojaj instancoj, la ceteraj landaj asocioj havas, eĉ Ĉeĥio, Hungario, Nederlando, Norvegio, Pollando kaj Slovakio raportas pri bonaj kontaktoj. Aŭstrio, Belgio, Danio, Finnlando, Francio, Orienta Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Nederlando, Norvegio kaj Svislando ricevas diversajn subtenojn de la fervojo (financaĵoj, klubejoj, biletoj por delegitoj veturi al kongresoj, krome paperoj, kovertoj ktp). Entute 11 landoj raportas pri la ricevo de subteno.
7 landaj asocioj (Britio, Bulgario, Ĉeĥio, Finnlando, Okcidenta Germanio, Hispanio kaj Japa-

nio) ne raportas al la fervoja instanco.

La klarigoj de la oficialaj fervojaj horarlibroj ankaŭ en Esperanto aperas en Danio, Hungario, Italio, Jugoslavio (nur en la internacia volumo), Norvegio, Pollando kaj Ĉeĥo-Slovakio. Krom tiuj Hispanio ricevis permeson de la koncernaj instancoj aperigi tiun ekde 1992. Bulgario raportas, ke ili ne havas realan pretendon pri tio.

Aŭstrio, Belgio, Ĉeĥio, Danio, Finnlando, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Nederlando, Norvegio, Pollando kaj Svislando havas rilatojn al FISAIC-organizaĵo. La ceteraj havas nenian rilaton.

Ĉi tie mi mencias, ke dum la kuranta jaro FISAIC festas sian 40jaran jubilon de sia ekzisto. La aŭtuna ĝenerala kunsido de FISAIC ebligos al la fervojistaj esperantistoj pli efike kunlabori. FISAIC ĉiam pli grandmezure subtenas la fervojistan Esperanto-movadon, je tio brila pruvaĵo estas ekzemple, ke Esperanto fariĝis la tria oficiala lingvo de FISAIC.

11 landaj asocioj (Aŭstrio, Belgio, Danio, Finnlando, Francio, Germanio, Italio, Jugoslavio, Nederlando, Norvegio kaj Svislando) raportas pri financa subteno de FISAIC. 14 landaj asocioj raportas por FISAIC pri Esperanto-agado. Membroj de naŭ landoj funkcias ĉe la landa organizaĵo de FISAIC kiel estraranoj, krome Okcidenta Germanio raportas, ke membro sen ofico havas taskojn ĉe FISAIC.

11 landaj asocioj (Aŭstrio, Bulgario, Francio, Germanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Nederlando, Norvegio, Pollando kaj Svislando) havas rilaton kun la landa sindikato, eĉ Aŭstrio, Germanio, Jugoslavio, Norvegio kaj Svislando raportas pri modesta subvencio de la sindikato. 9 landoj raportas pri la Esperanto-movada agado. 13 landaj asocioj kunlaboras kun la libertempaj, sportaj, kulturaj, artaj, turismaj kaj filatelistaj organizaĵoj por fervojistoj, eĉ Hispanio kaj Slovakio raportas pri kunlaboro de vojaĝ-agentejo.
Aŭstrio, Ĉeĥio, Hispanio, Hungario, Italio kaj Norvegio havas rilatojn al nefervojistaj organizaĵoj (naturamikoj, verduloj, radio-amatoroj, instruistoj, pacemuloj ktp.), eĉ pluraj el ili kunlaboras.

4. **Kunlaboro - rilatoj kun aliaj esperantistaj organizaĵoj**
17 landaj asocioj raportas pri rilatoj kun UEA, 9 landaj asocioj kun SAT, inter ili Nederlando raportas pri tre bona kunlaboro. 14 landaj asocioj havas bonajn kontaktojn, respektive kunlaboron kun ceteraj Esperanto-organizaĵoj, ekzemple kun Mondpaca Esperantista Movado (MEM), Universala Medicina Esperanto-Asocio (UMEA), Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista Esperanto-Asocio (IPTEA), Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista (IKUE), Kristana Esperantista Ligo Internacia (KELI), Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI), Internacia Esperanto Muzeo en Vieno (IEMW), Natura kaj Socia Sciencaj Asocioj.

5. **Informado kaj varbado**
Britio kaj Japanio raportas pri tio, ke ili ne instigis aperigi artikolojn en gazetoj. La ceteraj landaj asocioj raportas pri pozitivaj faktoj. 8 landoj raportas pri aperigo de entute 211 artikoloj, pluraj landoj mencias aperigon sen ciferoj. Italio raportas pri "multaj". Okcidenta Germanio

aperigis 80, Ĉeĥio 62 artikolojn ĉefe en fervojaj, respektive en fakaj kaj sindikataj revuoj, multaj en lokaj tagaj gazetoj.

14 landaj asocioj raportis pri la distribuo de priesperantista informmaterialo. Preskaŭ 7 mil unufoliaj, 9 mil plurfoliaj informmaterialoj kaj 2 mil afiŝoj estis disponigitaj al diversaj dejorejoj, Esperanto-ekspozicioj, klubejoj, kulturcentroj, fervojaj sindikatoj,fervojaj mez- kaj altlernejoj. Inter ili elstaras Italio per 4 mil unufoliaj, Francio per 5 mil, Italio per 2 mil plurfoliaj propagandiloj, respektive informiloj. 4 landaj asocioj raportas pri la distribuo de afiŝoj, ĝia nombro estas preskaŭ 2 mil ekzempleroj, inter ili en Italio 1000 kaj en Danio 400 ekzempleroj.

En 10 landoj okazis 61 fakprelegoj (dek malpli ol en la antaŭa jaro), plejparte pri fervojaj novaĵoj, pri la laboro de la pasintjara IFEF-kongreso, pri la Fervoja Terminaro.

En Aŭstrio, Francio, Hungario, Italio kaj Norvegio okazis prezentaĵoj, sciigoj, intervjuoj en radio-programo, plue en Italio okazis prezentadoj en la programo de televido, sed ili ne indikis per ciferoj, nur menciis "kelkajn" aŭ "plurajn".

7 landaj asocioj en 18 urboj aranĝis 18 ekspoziciojn, kiujn vizitis preskaŭ 26 mil interesiĝantoj. Norvegio elstaras per 20 mil vizitantoj de ekspozicio dum la Universala Kongreso en Bergen, Italio raportis "milojn" da vizitantoj. 13 landaj asocioj raportas pri informado en dejorejoj per faldfolioj, murgazetoj, prelegoj. Ĉeĥio raportas pri korespondа kurso pere de fervoja gazeto, sed ĝi interrompiĝis pro la ĉeso de tiu gazeto. Germanio raportas pri tele-kurso kaj informo per DB fervojaj prospektoj.

Hispanio havas kunlaboran kontakton kun vojaĝ-agentejo, nome en ĉiu monato ili organizas ekskursan peraŭtobusan programon, dum kiu oni praktike konversacias en la lingvo Esperanto, kaj oni pritraktas diversajn aferojn rilatajn al nia movado. La meznombro de la partoprenantoj ĝenerale superas la kapaciton de la aŭtobuso. Norvegio aperigas anoncojn en sindikata gazeto per la subteno de la fervoja sindikato.

6. Kunvenoj, kursoj kaj tiel plu

17 landaj asocioj aranĝis estrarkunsidon, ties nombro (laŭ landoj) varias inter 1 kaj 13, entute rondcifere 100. Finnlando kaj Japanio ne aranĝis, en Jugoslavio la milito malhelpis aranĝi tiun. La ĉefaj temoj de la estrarkunsidoj estis administraciaj, financaj, organizaj, movadaj, kongresaj aferoj, la laborplano kaj la taksado de tiuj. En 14 landoj okazis entute 77 membrokunsidoj ĉe la lokaj fakgrupoj de la landaj asocioj, kies temoj estis samaj, kiel la antaŭe menciitaj.

En 13 landoj okazis 56 lingvokursoj memstare, krome okazis 8 kursoj komune aranĝitaj kun nefervojistaj Esperanto-organizaĵoj. La nombro de la kursanoj estis entute 595. Per la nombro de la lernantoj elstaris Francio kun 163, Hungario kun 77, Italio kun 60 kaj Pollando kun 69 kursanoj.

Pri aliaj edukaj aktivecoj raportis Okcidenta Germanio pri telekurso, Francio kaj Hispanio pri konversaciaj kursoj, Norvegio pri koresponda kurso, Bulgario, Danio, Hispanio, Hungario, Italio kaj Slovakio pri filmoj, muzikvesperoj, literaturaj programoj, fakaj kaj movadhistoriaj prele-

goj.

Ne okazis jarkunsido en Aŭstrio, Britio, Hispanio kaj Italio. La ceteraj landaj asocioj (laŭnombre 16) aranĝis jaran kunvenon. La raportoj informas pri entute 810 partoprenintoj, 43 eksterlandaj gastoj partoprenis la jarkunsidojn en 9 landoj. Dum tiuj jarkunsidoj okazis entute 8 prelegoj, 10 ekskursoj en 9 landoj.

16 landaj asocioj raportis pri aranĝota jarkunsido en 1992.

Ĉeĥio aranĝis Internacian Renkontiĝon en loko Vrátna-valo. En la jaro 1992 Ĉeĥio kaj Svislando planas aranĝi internacian renkontiĝon.

En la jarraportoj rolas 318 partoprenintoj de la 43a Internacia Fervojista Kongreso. Mi rimarkas, ke cetere laŭ la kongresa bulteno el 19 landoj 380 personoj partoprenis nian kongreson en Olomouc.

16 landaj asocioj utiligis la gazetaran servon de Olomouc.

Ĝenerale preskaŭ ĉiuj landaj asocioj utiligis la kongresajn bultenojn ĉe informoj kaj raportoj al fervojaj instancoj, ĉe artikoloj por revuoj kaj ĉe prelegoj en klubejoj.

8. Junularo
13 landaj asocioj raportis pri la junularo. En sia membraro IFEF havas 517 gejunulojn sub la trideka vivjaro. Ĝi montras 70 malpli junulojn ol dum la antaŭa jaro, kaj 180 malpli ol antaŭ du jaroj. Laŭ landoj la nombro de la junuloj varias inter 2 (Aŭstrio, Norvegio) kaj 240 (Jugoslavio).

Permesu al mi preteran rimarkon. En la raporto de JAFE estas indikitaj 240 gejunuloj. Laŭ mia propra kritiko tiu nombro estas malreala, ja de multaj jaroj JAFE raportas sen-escepte tiun ĉi nombron, kiu post la paso de jaroj nepre devas montri almenaŭ minimuman ŝanĝon. Malgraŭ mia kritika rimarko mi uzis la indikon laŭ la JAFE-raporto.

Neniu landa asocio havas specialan junularan grupon.

Slovakio raportas, ke en la Trafika Altlernejo de urbo Žilina daŭras progresa kurso Esperanto de la loka grupo, kaj inter la ceteraj eĉ du gestudentoj vizitas tiun kurson.

9. Terminara kaj traduka laboro
Koncerne la tradukon de UIC-leksikono la landaj asocioj raportis la sekvajn:
Aŭstrio: ne ekzistas iu aktiveco,
Belgio: la traduko al franca lingvo malnete estas finlaborita kaj al nederlanda lingvo la malneto estas komencita.
Bulgario: parte estas tradukita al la bulgara lingvo.
Ĉeĥio: daŭras la terminologia kontrolo de la ĉeĥa traduko. Presejo estas serĉata por eldoni ĝin.
Danio: la traduklaboro malrapide progresis pro la difekto de la komputero. Intertempe ĝi solviĝis kaj ili estas survoje.
Finnlando: mankas la aktiveco.
Francio: ne partoprenis en la novaj taskoj de la Terminara Komisiono.
Okcidenta Germanio: kolektas novajn terminojn por Aktuala Fervoja Vortaro, kolektas la korektindajn terminojn, preparas la difinvortaron.
Orient-Germanio: daŭrigas la kunlaboron por prepari la Nacian Vortaron.
Hispanio: daŭras la komencita laboro.
Hungario: la nacia vortaro estas en presejo. La preparo de la difinvortaro daŭras. Okazis kruda

traduko de la konvencio "Var-klasifikado de fervoja tarifo". Okazis traduko de pluraj valoraj fakartikoloj por aperigi ilin en la revuo Hungara Fervojista Mondo.
**Italio:** la traduko estas preta, verŝajne en 1992 eldonata. Oni tradukis kelkajn fak-artikolojn.
**Jugoslavio:** estas antaŭvidita en 1992 eldoni la serbo-kroatan vortaron. Daŭre ili aperigas valorajn fakajn artikolojn pere de la rubriko "Faka Kroniko" de la revuo Jugoslavia Fervojisto.
**Nederlando:** ne havas kapablan kunlaboranton por la terminara laboro. Ili publikis fakajn artikolojn en sia organo.
**Norvegio:** starigis grupon por rekomenci la terminaran laboron.
**Pollando:** la traduko de la Fervoja Terminaro al pola lingvo estas preta.
**Slovakio:** la traduko al slovaka lingvo daŭras malrapide.
**Svislando:** raportas, ke LG IV kun Esperanto-terminaro estas tre bone utiligata ĉe la verko de fakaj artikoloj.
**Britio kaj Japanio** raportis nenion pri tiu ĉi temo.

## 10. Diversaĵoj

**Aŭstrio:** kunlaboras kun la LKK de la 77a Universala E-Kongreso.
**Belgio:** esperas reviglIgi la enlandan movadan laboron.
**Britio:** la movado dekadencas.
**Bulgario:** la plua movada vivo dependas de la nun preparata Statuto de Bulgara Esperanto-Asocio.
**Ĉeĥio:** Ili prilaboris novan plilarĝigitan tekston en Esperanto por la klarigoj de la nova fervoja horaro. Verŝajne ĝi aperos en la 1992/93jara horarlibro. Pro kriza ekonomia situacio malkreskas la nombro de la membraro, multaj fariĝis pasivaj membroj, multaj eksmembriĝis ĉe IFEF.
**Danio:** kvankam la membro-nombro iom malkreskis, tamen la aktiveco de la lokaj grupoj daŭre estas granda kaj vigla.
**Finnlando:** la Esperant-lingvan fervojan terminaron ili donacis al la fervoja biblioteko en Helsinki. Ili raportis, ke la situacio en Finnlando ne pliboniĝis, tamen ĝi estas stabila. Cetere ilia jarraporto estas tre "anemia"!
**Francio:** enlistigis 50 novajn membrojn. Ili alte taksas la enkondukon de la lingvo Esperanto al oficiala lingvo de FISAIC.
**Okcidenta Germanio:** malrapide, tamen kreskas la membro-nombro.
**Orienta Germanio:** en oktobro decidis pri unuiĝo kun la asocio de Okcidenta Germanio.
**Hispanio:** kvankam modeste, tamen iom evoluas la movada agado.
**Hungario:** La Fervojista Esperanto-fako havas rezidejon ĉe la Ĝeneraldirekcio de MÁV, ĝi havas propran Esperanto-bibliotekon, eldonas la statistikan kajeron de MÁV ankaŭ en Esperanto. Gastigis la IFEF-estraron por kunsidi en Hungario. Okazis brila amika renkontiĝo. Pro financaj problemoj signife malkreskas la nombro de la membraro, dekadencas la enlanda movado.
**Italio:** okazis multaj pri- kaj per-esperantaj manifestacioj. Kvankam malrapide, tamen kreskas la nombro de la membraro. Kelkloke stagnas la movada agado. Ili okazigis manifestaciojn kaj radioelsendojn pri Esperanto.
**Japanio:** havas nur du aktivulojn, mankas la junularo.
**Jugoslavio:** Okaze de la 35jara jubileo de la revuo "Jugoslavia Fervojisto", JAFE eldonis specialan poŝtkarton. La nombro de la membraro stagnas. Ĉesis la financa subteno de la sindikato. Ne sukcesis aranĝi la jarkunsidon pro la enlanda milito. La milito malhelpas la evoluon de la movado.
**Nederlando:** la membro-nombro malkreskis kaj la aktivado stagnas.

Norvegio: la ĝenerala situacio modere progresas.
Pollando: la membro-nombro kaj la aktivado malkreskis, financa krizo regas.
Svislando: La fakgrupo en urbo Winterthur aranĝis unutagan renkontiĝon por la tutlanda membraro. Ĝi havis valoran kulturan kaj amuzan programerojn. La movada vivo stagnas malgraŭ la streĉa laboro de la prezidantino.
Ĉinio: En la lasta momento - antaŭ la ekveturo al la kongreso - mi ricevis la kopion de la jarraporto el Ĉinio (je mia urĝigo). S-ro Li Sen senkulpigis sin pro la malfruo de la jarraporto. Do, mia resumo ne enhavas la materialon de Ĉinio pro la troa malfruo, tamen kelkajn karakterizaĵojn mi mencias el ilia raporto:
La landa asocio, pli precize la Unuiĝo de Fervojistaj Grupoj de Ĉinio (UFEG) nombras 291 membrojn, inter ili troviĝas 20 IFEF-membroj, kies 20% estas emerituloj. La landa asocio jare kvarfoje eldonas dulingvan propran organon sub titolo "Fervojista Esperantisto". Ili havas kontaktojn kun la fervojaj administracioj. Kompare kun la pasintjaraj rezultoj la ĉina fervojista Esperanto-movado ĝojige evoluas, la membro-nombro kreskas kaj plilarĝiĝas iliaj diversaj kontaktoj.

## 11. Fina komentario

La membro-nombro de la landaj asocioj plejparte kvankam ne tro, tamen kreskis, en kelkaj landoj stagnas, en ceteraj malkreskis. La membro-nombro de IFEF sume iom malkreskis. Tiu ĉi fakto devigas nin direkti nian atenton al tiu ĉi agadtereno, nome al la organizaj taskoj.

La komentario de la unuopaj landaj asocioj pri la movada vivo estas tre varia. La movada agado ĉe la unuopaj landaj asocioj aspektas jene:

evoluas en:
Ĉinio, Danio, Francio, Okcidenta Germanio, Hispanio, Italio kaj Norvegio,

stagnas en:
Aŭstrio, Belgio, Nederlando kaj Svislando,

dekadencas en:
Britio, Bulgario, Ĉeĥio, Finnlando, Hungario, Japanio, Jugoslavio, Pollando kaj Slovakio.

En kelkaj landoj, ĉefe en la tielnomataj reform-landoj (nomitaj antaŭe socialismaj landoj) la financa inflacio, aliparte pro la ĉeso, almenaŭ signifa malkresko, de la ĝisnuna financa subtenado, ekzemple Ĉeĥio, Hungario, Jugoslavio kaj Pollando.

Resume, el la jarraportoj de la unuopaj landaj asocioj mi povas konkludi maksimume stagnadon, eble malevoluon, malgraŭ eĉ pozitivaj rezultoj ĉe certaj laborterenoj.

Finante la resumon de la jarraportoj, refoje mi alvokas vian atenton al la junigo, renovigo de la fervojista Esperanto-movado. Ni bezonas refreŝigon! Ni ĉiuj devas streĉe labori por tiu ĉi celo!

Budapest, la 14an de majo 1992.

István Gulyás, vicprezidanto

---

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

S-ro Germano GIMELLI, Via Creti 61, I-40128 BOLOGNA, Italio.

Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.

# Jarkonferenco de FS ĈEA

Inter la 18a kaj 20a de septembro 1992 en urbo Plzeň okazis la tradicia, en sia vico jam la 26a jarkonferenco de Fervojista Sekcio ĉe Ĉeĥa Esperanto-Asocio. Partoprenis ĝin 37 personoj, inter ili oficialaj kaj aliaj gastoj el Aŭstrio, Francio, Germanio, Hungario, Pollando, Rumanio kaj Slovakio. La IFEF-estraron reprezentis la vicprezidanto, inĝ. István Gulyás.

La programo komenciĝis vendredon antaŭtagmeze per komuna vizito de la mondfama bierfabriko Plzeňský Prazdroj, kiu ĉijare en la tagoj 6.-11. 10. solenas 150 jarojn de sia ekzisto. Oni spektis la ĉefajn ejojn de produktado, kuirado kaj fermentado de la konata brile ora trinkaĵo, poste oni en du grupoj spektis la fabrikan filmon pri la historio kaj nuntempo de la bierfabriko kaj pri produktado de la biero (en la ĉeĥa kaj germanaj lingvoj), poste oni gustumis la bonfaman bongustan bieron.

Post tagmanĝo en la apuda restoracio oni komune trajne veturis kaj poste dum sunriĉa vetero parte piedirante vizitis la proksiman ĉastistan kastelon Kozel, kie gvidataj per esperantlingva bonkvalita surbendigita ĉiĉeronado oni interkonatiĝis kun tiu ĉi bone konservita kastelo.

La vendreda vespero estis laŭ programo libera, la pli granda parto de la partoprenantoj tamen akceptis inviton de la lokaj esperantistoj kaj en la domo de sinjorino Ziková ili bone amuzis sin preskaŭ ĝis noktomezo.

Sabata antaŭtagmezo estis destinita al la labora parto de la konferenco. Ĝi okazis en kunvenejo de la Regiona Fervoja Direkcio ČSD en Plzeň kaj laŭ invito partoprenis ankaŭ la eksterlandaj kolegoj kaj gastoj. Post prezento de la jarraportoj de la estraro la vicprezidanto de IFEF kaj reprezentantoj el ĉiuj supre menciitaj landoj salutis la konferencojn, eĉ kelkaj transdonis belan donaceton memore. Dum alparoloj de la partoprenantoj oni diskutis plejmulte pri solvendaj problemoj, kiamaniere aktivigi plimulton de la pasivaj membroj, el kiuj plimultaj ne abonas la revuon Internacia Fervojisto, kiamaniere plu informi la membraron post preparata grava pliatigo de la poŝtelspezoj (la membroj de la sekcio ĝis nun pagas neniun apartan kotizon por la sekcio krom kotizon por Ĉeĥa E-Asocio) ktp. La financan demandon solvos la estraro de FS post pritrakto kun ĈEA dum la oktobra konferenco en ĈEA en Pardubice.

Post bona komuna tagmanĝo oni denove ekskursis, unue vizitante la unikan Bierfabrikan Muzeon en Plzeň, poste oni vizitis la Historian Subteron de la urbo Plzeň, kiu per sia longo ĉirkaŭ 500 metrojn apartenas al la mezeŭropaj unikaĵoj. Dum rondpromeno oni vidis multajn arkeologiajn trovitaĵojn atestantaj pri la vivo de la tiamaj metiistoj kaj urbanoj. Por pli detale informiĝi la partoprenantoj ricevis multobligitan tiucele koncizan skizon pri la Historia Subtero de la urbo Plzeň laŭ broŝuro de PhDr-o Frýda, esperantigita de inĝ. Zdeněk Polák.

La pli posta promeno tra historia parto de la urbo kaj supreniro al la ambito de la nova alirebla turo de la preĝejo Sankta Bartolemeo, de kie oni spektis belan panoramon de la tuta urbo, plaĉis al ĉiuj.

Vespera libera babilado kaj amuzado en la konata bierejo "Sur Parkano" kontentigis la partoprenantojn. Dimanĉon antaŭtagmeze la restantaj partoprenantoj kun ĉiĉerono promenis tra la urbo, poste la renkontiĝo sen

**INTERNACIA FERVOJISTO**
1992.6
44a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:**
E Henning Olsen,
Åderupvej 182,
DK-4700 Næstved.
Tel +45 53 72 73 77.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:**
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

**Kasisto:**
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

**Dana poŝtĉekkonto:**
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 10 DKK por poŝtelspezoj).

**Dana bankkonto:**
7353-350550, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:**
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

**Redaktofino por la venonta IF:** 01.01.1993

**Presejo:**
Gefion Tryk Næstved A/S

iu ajn ceremonio finiĝis.

Oni devas mencii ankaŭ unu malbonan flankon de la renkontiĝo. Kaŭze de la neatendite tro altaj prezoj postulataj de fremdlandanoj por tranoktado en la urbaj hoteloj plimulto de la eksterlandanaj gastoj rifuzis tranoktadon en ili, kaj ĉar la organizantoj ne sukcesis trovi por ĉiuj konvenan malpli multekostan tranoktadon en la Fervojista Tranoktejo aŭ en sporta tranoktejo "Lokomotivo", kvar aŭstraj fervojistaj kolegoj-emerituloj rezignis pri sia partopreno dum la konferenco kaj ankoraŭ ĵaŭde reveturis hejmen. La organizantoj bedaŭras tion kaj strebos dum venontaj renkontiĝoj pli frue kaj pli detale trakti la enloĝigan demandon, por ke venonte ne ripetiĝu la situacio.

Jindřich Tomíšek

# Bonvenon en NICO

Kiel ni raportis en IF 1992.1, la nicaj esperantistoj projektas krei Esperanto-Domon, por ke esperanto-lingvanaj turistoj povu nemultekoste loĝi en la sudfranca urbo Nico ĉe la lazura marbordo.

Oni ankoraŭ laboras pri la projekto, sed mankas multaj sindevontuloj, por ke la plano efektiviĝu.

Ne sendu monon nun, diras la nicanoj, sed sendu "sindevontigilon", kiu indikas, kiom da kuponoj de po 100 francaj frankoj vi pretas aĉeti, kiam ni informos vin - kaj tio okazos, kiam la projekto estos realigebla.

La kuponoj estos uzeblaj por pagi restadon en la domo, Unu kupono validos por 1 tranokto en dulita ĉambro (1 aŭ 2 personoj), do la elspezo ne estos donaco, sed fakta prunto, kiu tamen ne donos interezon, (se oni ne konsideros interezo la fakton, ke senkupona tranoktado en la domo kostos 140-150 frankojn!)

Petu informojn ĉe Nice-Esperanto, 'Les Hortensias 2', 121 bis, Boulevard Napoléon III, F-06200 NICE.

■